Nemzetközi
eszperantó
diáklap

Megjelenik
évente háromszor

XI. évfolyam

85/2. szám

Felelős szerk.:
Princz Oszkár

Kiadja
a Magyar
Eszperantó
Szövetség
Budapest
Kenyérmező u. 6.
1081

Felelős kiadó:
Vaskó Tibor

Készült a
MESZ
Sokszorosítóban
85-0253
Kiad. eng. sz.:
III/IFJ/30/1976.
ISSN
0230-1318

*

TASKO
DE ĈIU
ESPERANTISTO:
PROPAGANDI
LA REVUON
INTER LA
KOMENCANTOJ!

JUNA AMIKO, revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Aperas trifoje jare. Redaktoro O.Kníchal, Budaörs, Patkó u. 3., Hungario. Grafika arango O.Böhm. Abonoj: en la soc. landoj ĉe resp. landaj asocioj aŭ koncernaj kompetentaj instancoj, en aliaj landoj ĉe UEA, Rotterdam, BJ 3015, Nieuwe Binnenweg 176, Nederlando. Prezo 5,70 gld.

# Kiel vi eble rimarkis

*tiu ĉi numero de nia revuo jam aperas preskaŭ konforme al sia eldon-dato. Do, post pli ol du jaroj, kiuj pasis ek de la momento de la reapero de la Juna Amiko, ni sukcesis eldoni la mankantajn numerojn de la antaŭa periodo kaj restarigi la regulan eldon-ritmon. Tio espereble kuraĝigos pliajn interesatojn por aboni la revuon kaj ankaŭ niajn potencialajn kunlaborantojn, kies helpon ni bezonas. Juna Amiko estas revuo porjunulara, tio signifas ankaŭ — prijunulara. Tial ni ŝatus informi pli multe ol ĝis nun pri la junaj homoj en diversaj landoj de ĉiuj kontinentoj, ĉie, kie vivas kaj agadas ankaŭ la junaj esperantistoj, lernantoj aŭ instruistoj de la zamenhofa lingvo. Helpu nin, sendante viajn kontribuaĵojn: artikolojn, fotojn, tradukojn, leterojn... Uzu lingvaĵon kompreneblan al ĉiu komencanto!*

Sur la kovrilpaĝo: foto de Z.Fejér

*Karel Václav Rais*

# *Voj'eto al hejmo*

*Vojo al hejmo sin*
*volvas[1] konate,*
*ol la aliaj pli*
*bele, pli ŝate*

*Flore odoras ĝi,*
*spiras salvie,[2]*
*tiel sur voj' oni*
*iras nenie.*

*Se min al vasta mond*
*vivo for-blovus,*
*vojon al hejmo mi*
*ĉiam re-trovus.*

*Kaj se en mondo nur*
*triste[3] mi fartus,[4]*
*tamen sur ĉi voj' et'*
*ĉiam mi kantus.*

*El la ĉeĥa Jiři Kořínek*

---

1/ sekvi iun direkton, 2/ salvio-floro, 3/ mal-gaje, 4/ iel sin senti

La nomon de Tibor Sekelj tre bone konas la tuta Esperanta publiko. Li estas el-stara vojaĝ'anto, kiu vizitis 90 landojn kaj verkis[1] multajn librojn pri siaj interesaj tra-viv'aĵoj. Tiujn oni tradukis[2] en pli ol dudekon da lingvoj. Unu el tiuj ĉi libroj, kiun la aŭtoro verkis en Esperanto – KUMEŬAŬA, LA FILO DE LA ĜANGALO – aperis ĝis nun en 15 lingvoj. En Japanio ĝi apartenas al la plej popularaj por-infanaj verkoj de la lasta jaro. Kaj oni planas ĝian el-donon en pluaj landoj kaj en pluaj lingvoj. Tian popular'econ inter la ne-esperant'istoj atingis verŝajne neniu Esperanta libro. Tibor Sekelj skribis antaŭ-ne-longe al la Juna Amiko pri sia plej sukcesa libro jenon:

„La juna legant'aro ĉie tuj ek-ŝatis la rakonton pri la saĝa kaj lerta indiana knabo. Tamen, la plej grandan sukceson ĝi havis kaj ankoraŭ havas ĉe la japanaj ge-knaboj. Tie en unu nura jaro la eldon'isto[3] devis sep fojojn re-presi[4] la libron. Kiam la eldon'isto invitis min iri al Japanio kaj renkont'iĝi kun ge-knaboj en diversaj urboj, ili amase al-venis kaj vigle[5] demand'adis min pri detaloj en la libro. Mi facile respond'adis, ĉar mi ja tra-vivis la tutan en-havon de la libro, kvankam ne en tri tagoj, kaj ne ĉion kun la sama knabo. Ĝi fakte en-havas multajn spertojn[6] el miaj tri jaroj en diversaj partoj de sud-amerikaj ĝangaloj."

Kumeŭaŭa sin prezentis jam en la antaŭa numero. Legu pri la sekvaj aventuroj[7] kun li!

1/ skribi ekz.libron, 2/ trans-igi iun tekston, skrib'aĵon el unu lingvo en la alian, 3/ kiu profesie el-donas librojn ks., 4/ re-aper'igi, re-el-doni, 5/ vive, 6/ scioj, kiujn oni hav'igas per longa praktiko, 7/ ne-ordinaraj tra-viv'aĵoj

*Tibor Sekelj*

# Batalo kontraŭ dazipo

...Apenaŭ ni ek'iris plu, mia kun'ulo ek'atentis. Dekstre de ni io mov'iĝis. Subite aperis dazipo[1] kaj ni tuj sciis, kio kaŭzis la bruon. Tian grandan dazipon mi antaŭe ne vidis. Kiam ĝi rimarkis nin, ĝi kun-tir'iĝis en formo de globo.[2] Ĝia kiraso[3] kovris la tutan korpon krom la kapo kaj longa vosto. Sed ankaŭ tiuj ĉi el-star'aĵoj havis la propran kirason.

La besto surpriz'iĝis kaj por momento sen-mov'iĝis. Tiu momento sufiĉis al Kumeùaùa, por kapti la dazipon, levi ĝin alten kaj montri al mi. Sed ĝuste kiam li pret'iĝis por senmov'igi ĝin, la besto liber'iĝis el liaj manoj kaj rapid'ege ek'kuris al la dens'ejo.

Kumeùaùa tuj rapidis post ĝi, sed li devis halti pro la kresk'aĵoj, kiuj mal-helpis lian ir'adon. Mi ek'kuris por helpi lin liber'igi la vojon, sed estis jam tro mal-frue, ĉar la dazipo ĵus en-iris la truon en mal-granda alt'aĵo. Estis ver-ŝajne ĝia kaŝ'ejo.

– Ŭaŭa, mi tre bedaŭras,[4] ke ĝi mal-aperis – mi provis gaj'igi lin. – Tio ĉi estas hodiaŭ jam la dua kapt'aĵo, kiun ni perdis.

– Ankoraŭ ne tute. Maloa diri: „Provi ĉion kaj poste diri ne eble". Ni provi el'igi ĝin per fumo.[5] Mi de-nove fari la fajron.

Inter-tempe mi kolektis sufiĉe da branĉ'etoj, tiel ke la fajro povis gaje bruli. Per brul'aĵoj kaj seka herbo ni plen'igis tunelon, en kiu mal-aperis la kvar-pied'ulo, ni metis tien verdan foli'aron, kiu el'igis blankan kaj densan fumon.

La mal-granda indiano de-tranĉis longan folion, per kiu li daŭre en'igis la fumon internen. Li instruis min kiajn foliojn kolekti, por ke la fumo estu kiel eble plej densa. Li ŝvitis[6] sur la tuta korpo pro la rapida mov'ado per folio. Post kelka tempo mi anstataŭis lin. Estis vere mal-facila laboro kaj ankaŭ mi komencis ŝvit'egi.

La kaŝ'ejo devis esti jam plena de fumo, ĉar ankaŭ el la tero komencis el-ir'adi grize blankaj river'etoj. El-interne aŭd'iĝis fortaj batoj.

– Dazipo nerva – konstatis mal-granda ĉas'isto.[7] – Ĝi ne scii kion fari. Ĝi kolera kaj kur'adi tien kaj reen por dis-bati la muron kaj el-iri.

Kumeŭaŭa estis kontenta. Ne pro tio, ĉar li dezirus sufer'igi la bestojn. Male, li tre amis ilin. Sed kiel ĉiu ĉas'isto ankaŭ li nun batalis kaj lia unu-sola celo estis venki[8] per ĉiu ebla maniero. La besto uzas sian lerton kaj la ĉas'isto ankaŭ. Ili estas kontraŭ'uloj kaj unu klopodas[9] superi la alian.

Ni aŭdis rapidajn paŝojn kaj el la tunelo el-iris duone viva dazipo.

Kameŭaŭa saltis al ties kaŝ'ejo, sed ankaŭ kvar-pied'ulo rapide turn'iĝis por re-veni al sia mal-agrabla hejmo. Ver-ŝajne ĝi preferis sufok'iĝi[10] ol fali en la manojn de la mal-amiko. Tamen, Kumeŭaŭa fine sukcesis kapti ĝian voston per ambaŭ manoj.

– Njikuĉap,[11] Njikuĉap... helpu! – kriis la knabo, kiun la dazipo tiris per sia tuta forto al la kaŝ'ejo. Mi kaptis la voston, kiun kovris kiraso kaj tir'egis kune kun li. Sed eĉ tiel ni apenaŭ kapablis superi grandan forton de mal-granda besto, kiu klopod'egis sav iĝi[12].

Fine ni el-tiris ĝin kaj batis per maĉeto[13] por sen-konsci'igi[14] ĝin.

Ni ambaŭ sid'iĝis por iom ripozi post ne-kutima laboro. Mi diris al mi mem:

– Estus bone trinki iom da freŝa akvo.

Kumeŭaŭa for-iris al liano,[15] kiu pendis el grand'ega arbo. Per maĉeto li for-tranĉis el ĝi pecon longan unu kaj duonan metron kaj antaŭ-igis ĝin direkte al mi:

– Jen akvo, trinku, Njikuĉap!

Mi rid'etis, ĉar mi kredis tion ŝerco.

Kiam li rimarkis mian ne-kredan rigardon, li levis unu fin'aĵon de la liano al sia buŝo kaj la alian iom pli alten.

El-fluis kristale pura akvo kiel el la fonto.

Mi miris ankaŭ poste, kiam mi trinkis el ĝi.

– Njikuĉap ne koni la akvan lianon? Eblas trovi en tiuj ĉi arb'aroj.

– Ne. Sed kiam vi el-lernis ĉion ĉi, Kumeŭaŭa?

– La tempo kaj neceso estas la plej bonaj instru'istoj. Vi scii kiu diris.

– Ho, Maloa, mal-juna saĝ'ulo de la amazonaj arb'aroj.

Adaptis O.K.

---

1/ Sud-amerika besto, 2/ kio havas formon ekz. de luno, lumo ks., 3/ tre mal-mola sur-hav'aĵo, 4/ mal-gaje senti perdon de iu aŭ io, 5/ kion el'igas brul'aĵo, 6/ el'igi mal-rapide akvon el sia korpo, 7/ kiu kaptas la beston kutime por sen-viv'igi ĝin, 8/ superi mal-amikon en batalo, 9/ tre voli, 10/ ĉesi vivi pro manko de aero, 11/ barb'ulo - kiu portas longan har'aron sur la vizaĝo, 12/ liber'iĝi de io, 13/ tranĉ'ilo, 14/ igi ke iu aŭ io ne sentu sin viva, 15/ longa radiko.



# PAĜOJ DE ET'ULOJ

*N. Nosov*

## ŜTUPOJ

Re-venas foje Petro hejmen el infan'ejo.

Ĉi-tage li lernis kalkuli ĝis dek. Ĉe la pord'ego lin atendas jam lia frat'in'eto Valja.

– Mi jam sci-povas kalkuli – krias Petro. – Jen, rigardu, kiel mi tuj kalkulos ĉiujn ŝtupojn.

Ili ambaŭ supren-iras kaj Petro kalkulas:

– Unu, du, tri, kvar, kvin...

– Nu, kial vi haltis? – demandas Valja.

– Atendu, mi forgesis, kiel kalkuli plu. Tuj mi re-memoros.

– Re-memoru nur, – diras Valja,

Ili staras sur la ŝtup'aro. Petro diras:

– Ne, tiel mi ne povas re-memori. Ni komencu ankoraŭ-foje.

Ili mal-supren-iris. Kaj ree iris supren.

– Unu, – diras Petro, – du, tri, kvar, kvin...

Ankaŭ nun li haltis.

– Ĉu vi de-nove forgesis? – demandas Valja.

– Forgesis! Kial? !

– Do ni provu ankoraŭ-foje.

Ili de-nove mal-supren-iris kaj Petro re-komencis:

– Unu, du, tri, kvar, kvin.

– Ĉu dudek-kvin? – demandas Valja.

– Ne! Vi nur mal-helpas! Pro vi mi forgesis! Mi devas kalkuli de-komence.

– Mi ne volas de-komence – diras Valja. Supren, mal-supren, mal-supren, supren... jam doloras min la piedoj.

– Se vi ne volas, tiam ne helpu, – respondas Petro. – Sed mi ne iros plu, nur kiam mi re-memoros.

Valja iris hejmen kaj diras al la patr'ino:

– Patr'in'eto, Petro kalkulas la ŝtupojn: unu, du, tri, kvar, kvin – sed kio sekvas, tion li ne re-memoras.

– Poste sekvas ses, – diras la patr'ino.

Valja kuras reen al la ŝtup'aro, Petro plu kalkulas la ŝtupojn:

– Unu, du, tri, kvar, kvin...

– Ses! – helpas Valja. – Ses, ses, ses!

– Ses! – ek-ĝojis Petro kaj ek-iris plu. – Sep, ok, naŭ, dek.

Feliĉe, la ŝtup'aro fin'iĝis, alie li ne venus hejmen, ĉar li lernis kalkuli nur ĝis dek

Tradukis anoj de la Stelo de l'espero, Ĉeljabinsk

*V. Dalj*

## Mal-jun'ulo jaro

Venis mal-jun'ulo jaro. Li ek-svingis[1] la brakojn kaj el-manik'igis[2] birdojn. Ĉiu birdo havis sian apartan nomon. Ek-svingis la mal-jun'ulo unu-foje – kaj el-flugis la unuaj tri birdoj. Venis mal-varmo.

Ek-svingis la mal-jun'ulo dua-foje kaj el-flugis la dua trio. La neĝo ek-mal-aperis, el-kreskis floroj.

Ek-svingis la mal-jun'ulo tria-foje – el-flugis la tria trio. Est'iĝis varm'ego.

Ek-svingis la mal-jun'ulo la kvaran fojon – kaj el-flugis aliaj tri birdoj. Venis mal-varma vento, ofte ek-pluvis.

La birdoj ne estis simplaj. Ili havis po kvar flugiloj. En ĉiu flug'ilo estis sep plumoj. Ĉiu plumo havas la nomon. Unu duono de la plumo estis blanka, la alia – nigra.

La birdo ek-svingas flug'ilojn – est'iĝas helo, ĝi ek-svingas de-nove – est'iĝas mal-lumo.

Kiuj birdoj el-flugis do el la maniko de la mal-jun'ulo. Kiujn kvar flug'ilojn havis ĉiu birdo?

Kiuj sep plumoj estis en ĉiu flug'ilo? Kion signifas, ke unu-flanke ĉiu plumo estis blanka kaj aliflanke nigra?

Trad. A. Nikitin

---

1/ rapide movi, 2/ maniko – parto de la vesto, kiu kovras la manojn.



*Desegnis P. Rak*

*Sándor Petőfi*

**Tomaso (Orban)**

Mal-gajas, mal-afablas tre
Tomaso,
Eĉ se tag'iĝo ruĝas sur
La nazo
Mal-gajas ĝuste tial tre
Tomaso,
Ĉar ruĝas la tag.iĝo sur
La nazo

Sed kaŭzo estas ĝuste mem
Tomaso,
Ke ruĝas la tag'iĝo sur
La nazo
Trink'adis vinon pli ol tro
Tomaso,
Tag'iĝo tial gajas sur
La nazo.

Esperant'igis M.Fehér

# KANTU!

**BRILU, BRILU, ETA STEL'!**

**(Twinkle, twinkle, little star !)**

Trad. I. Szabó



*V. Drobjazko*

# La muzik-noto Ku

Ĉu vi scias, ke en tre mal-novaj tempoj estis ne 7, sed 8 muzikaj notoj? Iam ĉiu muzik'ilo ludis laŭ ok notoj: Do, Re, Mi, Fa, Sol, La, Si kaj – Ku. La notoj multe helpis la homojn, ili faris gajan, dancan muzikon kaj kiam la homoj volis iom revi, pensi pri io interesa, tiam la notoj faris lirikan muzikon. Tiel estus ĝis nun, se la muzik'iloj ne komencus ludi laŭ unu stranga maniero: ĉiun muzikan frazon ili komencis de la noto Ku.

Jam neniu memoras kiu el-pensis tion, sed aŭskultu, kio okazis pro tio.

Foje, kiam la notoj ripozis, la noto Ku ek-parolis:

– Notoj, vi ĉiuj scias, ke la muzik'iloj ĉiam komencas ludi muzikan frazon ek de Ku.

– Tio estas simple modo, – respondis la aliaj notoj.

– Ne, – diris Ku, – tio ne estas modo, sed la muzika leĝo.

La notoj estis tre amikaj kaj bon-koraj kaj ili ne deziris kontraŭ-stari sian amik'inon Ku.

– Bone, – diris ili, – estu tio ne la modo, sed la leĝo. Ĉu vi estas kontenta?

– Ne, – respondis Ku, – mi volas ankoraŭ ke ek de mi komenc'iĝu la muzika vico. Mi estos la unua, poste Do, Re, Mi kaj tiel plu.

– Nia kara Ku, ni ne kontraŭus tion, sed se tio okazos, tiam romp'iĝos la harmonio. Tion rajtas fari neniu. Sen la harmonio neniam povas ekzisti bona muziko.

– Tio ne gravas, mi volas, ke ĉio komenc'iĝu de Ku!

Longe, longe pens'adis la notoj. Ili provis fari tiel kaj aliel, sed nenion ili sukcesis el-pensi pri la harmonio. Tiam ili de-nove petis la noton Ku, ke la muzika vico restu la sama. Sed la Ku diris:

– Tiam mi for-lasas vin. Vi ĉiuj baldaŭ venos al mi kaj petos min re-veni, ĉar sen mi vi nenion sukcesos fari.

Pasis sufiĉe da tempo, sed la notoj ne iris al Ku. Ili vivis ankoraŭ pli amik'ece kaj faris la novan bonan muzikon. Certe, Ku povis re-veni al ili kaj la notoj ŝin pardonus, sed Ku estis tre fiera.

Foje ŝi sidis sur granda ŝtono kaj prov'adis krei iun melodion. Sed per unu sola noto nenion eblis fari. En tiu ĉi momento supre flugis bird'etoj. Al unu el ili ek-ŝajnis, ke sur la ŝtono estas io manĝ'ebla. Ĝi tuj flugis mal-supren kaj for-manĝis la noton Ku.

Kaj ek de tiam, kiam la bird'eto mal-fermas la buŝon por ion kanti, ni aŭdas ĉiam nur: Ku-ku. Tial oni nomis tiun bird'eton kukolo.

*Carlo Manzoni*

# FORGES'EMO

Sinjoro Veneranda halt'igas sur-strate pied'-ir'anto.

– Pardonu, – li al-parolis tiun, – ĉu vi ne forgesis ion?

– Ĉu mi? Kial? – demandis la sinjoro mire.

– Nature, vi, – respondis Veneranda.

– Mi forgesis nenion – diris la pied-ir'anto kaj kun mir'ego rigardis sinjoron Veneranda'n.

– Ĉu vi estas certa?

– Tute. Sed en-tute, kiel vi ek-havis la ideon demandi, ĉu mi ne forgesis ion, eĉ se vi ne konas min?

– Kial? – kontraŭ-diris sinjoro Veneranda. – Ĉu devas koni min ĉiu, kiu ion forgesas? Certe ekzistas homo, kiu tute ne konas min kaj tamen forgesas multe. Ĉu vi ne sam-opinias?

– Nature, – konsentis la sinjoro, – sed mi forgesis nenion.

– Bon'ege – diris Veneranda. – Vi devas re-koni, ke mi ne povis scii tion ĝuste tial, ĉar mi ne konas vin.

– Vi ne konas min kaj tamen ne hontas[1] al-paroli min sur la strato kaj paroli mal-saĝ'ajojn – kriis kolere la sinjoro.

– Sed mi ne devas koni ĉiun en la urbo – diris sinjoro Veneranda. – Eble ne estas mia kulpo, ke mi ne konas ĝuste vin, vin, vin...! Mi vidas vin unua-foje kaj vi kredas tuj, ke mi devus koni vin.

– Tute ne, – re-tir'igis la sinjoro.

– Tute ne, tute ne.... imitis[2] lin Veneranda. – Vi nur ŝtelas la tempon de la homoj. Kaj li turnis sin kaj for-iris.

*Trad. I. Takács*




*Desegnis P. Rak*

1/ Ek-havi mal-agrablan senton pro la mal-bona ago, 2/ agi tiel same kiel ali'ulo.

# Esperanto - aforismoj

Laboro hom'igis simiojn, Zamenhof esperant'ist'igis la homojn.
Esperanto estas rimedo por ŝpari ankaŭ la tempon
Esperant'ist'igo estas multe pli facila afero ol esperant'ist'ado mem.
Eblas havi aŭ la monon aŭ esti esperant'isto. Neniam sam-tempe
La homoj venas kaj for-iras, sed la lingvaj baroj restas.

*A.Nikov, USSR*

# KIO ĜI ESTAS?

1/ Kiu viv'ajo iras matene kvar-piede, tag-meze du-piede kaj vespere tri-piede?
2/ Sen-pieda, tamen kuras, per-okule ne vid'eblas
3/ Ĉiam vid'ebla, tamen ne palp'ebla
4/ Arbo branĉojn havas kaj foli'aron nigra-blankan
5/ Arba dekdu'ono kaj foli'ara tridek'oblo
6/ De scioj plena, amiko eterna

*Ionel-Jeanell Onet, Rumanio*

*(homo-tempo-lumo-jaro-monato-libro)*

Mar'isto fari'igis sur sia dorso mapon de la mondo. Unu fojon li mal--san'iĝis kaj venis al kurac'isto.
– Kie vi sentas doloron? – demandas la kurac'isto.
– En Aŭstralio.

Ĉu vi komprenas, kio estas kaniba - lo?
– Ne.
– Se vi for-manĝos viajn ge-patrojn, tiam vi estos...
– Orfo, sinjoro instru'isto!

# *Kiu estos pli lerta?*

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| E | S | P | E | R |
| S | P | E | R | A |
| P | E | R | A | N |
| E | R | A | N | T |
| R | A | N | T | O |

En kiom da direktoj oni povas legi la vorton ESPERANTO, kiu trov'iĝas en tiu ĉi kvadrato?



Tiun ĉi formon – kvin-angulon – provu dis-igi, je tri tri-anguloj!

Estas ok sak'etoj kun la samaj mon'eroj kaj ĉiuj sak'etoj egale pezas, ĉar en ĉiu estas la sama nombro de mon'eroj. Nu en enu-en'igis erare unu pli valora (kaj samtempe pli peza) mon'ero. Trovu la sak'eton kun la pli peza mon'ero, sed ne forgesu, ke la sak'etojn vi povas pesi (mezuri la pezon) nur du-foje!





Nur du el ĉiuj ŝlos'iloj sur la bildo estas la samaj. Kiuj?

# KRUC-ENIGMO DE LA JUNA AMIKO

„Patr'in'eto, vi havas jam kelkajn grizajn harojn", diris la eta Petro. „La ge-patroj griz'-iĝas, se la filoj ne obeas ilin", respondis la patr'ino. Petro pri-pensis kaj kontraŭ-diris: (Daŭr'-igon vidu en H 2, H 15, kaj V. I.

*Solvo de la antaŭa kruc-enigmo:* Vest'aĵo, kiun infanoj devas sur--meti, kiam ilia av'ino sentas mal-varmon.




*Horizontale*
9. En-spir'ebla gaso, 10. Reen: sub-doman ejon, 11. Fari, 12. B.F. 13. Reen: Regula aranĝo de aĵoj (R), 14. Persona pronomo, 17. Poŝt-marko, 18. Kaptas ion per mano, 19. Kemia simbolo de natrio, 21. Paŝ-ados 22. Multo (R), 23. Valora metalo, 25. Mezo de vojo (! ), 26. Ege ŝate, 27. Konjunkcio, 29. Hodiaŭa, reen, 30. Komenco de kalkul'-ado, 31. Grand-orela dom-besto, reen.

*Vertikale*
2. Nei, 3. Re-iru (! ), 4. Duona nomo (! ), 5. Anoj de lern'ejo, 6. Reen: rusa river'eg', 7. Mal-juna (R), 8. Reen' H.18. (R), 12. Alko-hol'aĵon, 15. Laŭta voĉo (R), 16. ... Vegas (usona urbo), 20. Insekt' kiu teksas (R), 22. Bone farti en kin'ejo, 24. Help'ilo de lern'an-toj, reen:, 26. Mal-helpi ies movojn, 28. Mikse H 9 (R), 29. Ne vira, reen, 31. Granda magi'isto en usona filmo

*J.Forizs*

Klubo de Legantoj

LA RUBRIKON GVIDAS
**Josef Chvosta ('ĥvosta)**
Leninova 16,
CS–290 01 PODĚBRADY
**Ĉeĥoslovakio**
**Sendu ĉiun korespondaĵon rekte al tiu adreso!**

# Ankoraŭ pri la loĝado kaj loĝejoj

La homoj loĝas plej ofte en .........., kiujn konstruis .......... el diversaj materialoj. En la .......... estas loĝ'ejoj, ŝtup'aroj, koridoroj[1] kaj aliaj spacoj.[2] En la .......... estas diversaj nombroj de etaĝoj [3] tial ankaŭ la konstru'aĵoj estas diverse altaj. Tegmento estas supre sur la .......... Ĝin tegas[4] diversaj teg'iloj. Sub la ..........estas spaco, kiu nom'iĝas kelo.

En la loĝejoj estas diverse grandaj .......... En unu .......... estas mal-supre .......... supre .......... kaj plej ofte kvar .........., kiujn oni nomas vandoj. Oni en-iras la .......... tra .........., el la .......... oni rigardas eksteren tra .......... Por bone loĝi estas en la .......... diversaj .......... Provizore[5] oni loĝas en ..........

Domoj estas mal-ofte sol-ejoj, pli ofte, dom'aroj, ali-vorte .........., aŭ tre grandaj dom'aroj, kiuj nom'iĝas .......... Tiujn kun'igas ŝoseoj,[6] fer-vojoj aŭ aliaj .......... La .......... en la urboj nom'iĝas .......... kaj ili estas el ŝtono aŭ el alia mal-mola materialo. Krom .......... estas tie ankaŭ placoj[7] kaj parkoj.[8] En parkoj kreskas multaj ..........

La domoj servas aŭ al la publiko aŭ ili estas privataj. En la privataj domoj oni havas siajn .........., en la publikaj oni laboras. Ekzemple, iuj servas por la vojaĝ'ado (..........), aliaj por lern'ado (..........), por send'adi leterojn(..........) por kuraci mal-san'ulojn (..........) por manĝi (..........), aŭ por provizore loĝi (..........).

Privataj spacoj apud preskaŭ ĉiuj domoj nom'iĝas .........., en kiuj estas arboj, floroj, fruktoj kaj .........., en kiuj estas apudaj dom'etoj. Inter urboj kaj vilaĝoj estas .........., kie oni kresk'igas ..........Farmoj kaj bienoj estas dom'aroj por pri-labor'ado de tero aŭ por besto-ten'ado. Ili trov'iĝas kutime en vilaĝoj, sol'ece aŭ proksime de .........., do en antaŭ-urboj.

Skribu la vortojn, kiuj mankas en la teksto kaj respondu je tiuj ĉi demandoj.

1. El kio oni konstruas domojn?
2. Kio tegas la tegmenton?
3. El kio estas pordoj, fenestroj,

mebloj?[9]

4. Kiom da ĉambroj havas via loĝ'ejo
5. Kiu estas dom-havanto?
6. Ĉu vi jam loĝis en hotelo, tra--nokt'ejo aŭ alie? Kiel longe kaj por kia kosto?
7. Kiom da homoj loĝas en via dom'aro? Ĉu ĝi estas urbo, vilaĝo aŭ io alia?
8. Nomu gravajn domojn en via vilaĝo aŭ urbo, kiuj servas al la publiko.
9. Kiujn urbojn kun pli ol unu miliono da loĝ'antoj vi konas?
10. Pri-skribu la dom'aron, kie vi loĝas!

Konkurson en la numero 3/30/ solvis sukcese Esperanto-klubo de Jaroslav Kuzik Karapĉiv, USSR. Ni gratulas.

---

1-2/ divers-formaj ejoj, 3/ tuto de ĉambroj aŭ ejoj, kiuj estas same alte, 4/ kovri, 5/ kutime dum mal-longa tempo, 6/ longa strato, 7/ libera spaco inter domoj, 8/ granda ter-peco kun diversaj kresk'ajoj, 9/ mov'ebla objekto, kiu servas por praktika uzo

# NIA POŜTO

J.H. (Bert) Sullivan skribis al ni, ke pro mal-bona vid-povo de unu okulo kaj ke pro la sekva neceso mal-pli'igi sian laboron, ek-de la 5a de februaro 1985 li devis ĉes'igi la funkci'-ig'adon de GEONKLOJ ESPERANTISTAJ, kiun institucion li fondis en 1958 kaj direktis pli ol 26 jarojn. Dum tiu tempo li trovis ge-onklojn por preskaŭ 1400 infanoj en la mondo!

Alia brita sam-ide'ano jam anoncis sian pret'econ akcepti la administr'adon de tiu servo al la infanoj. Li estas:

S-ro W.H. Simcock,
Clayton House,
Butterton,
LEEK Staffs,
Britujo, ST13 7SR.

Do, la Ge-onkloj esperant'istaj vivas plu!

*Bon-venus pli da abonoj*

S-ro A. Kotelnikov el Volgograd skribas: Nia E-klubo Vega jam dum kelkaj jaroj abonas tra diversaj kanaloj la „Juna Amiko". Pere de Sojuzpeĉatj ni sukcesas aboni ĉiam nur unu jar-kolekton.

Mi estas certa, ke pluraj E-kluboj en USSR abonus tiun ĉi tre interesan kaj utilan revuon en pli granda kvanto. Ekzemple, nia klubo bezonus 3-5 jar-kolektojn.

Kaj la alia rimarko. Mi pensas, ke la E-movado ĝenerale kaj ĉiu komencanto aparte gajnus, se la Juna Amiko aper'adus ses-foje dum unu jaro. Kiel kontribuon al pli-oft'igo de J.A. ni sendas kelkajn E-aforismojn de nia klub'ano.

*Multe-kosta revuo*

Tre amaran servon al la abonantoj – plendas J. Palu el Tallinn – faris Budapeŝta Informilo per mal-frua sci'igo pri la pli alta abon-prezo. Ok rubloj por tia eta revuo estas multe kaj oni tion sci'igis en januaro, kiam la tuta laboro pri abonoj estis jam preta... Miaj lernantoj nun ricevis la mal-novajn kompletojn de J.A., sed mi mem ... eĉ ne unu numeron.




Kelkaj grupoj de mez-lern'ej'anoj inter 10 kaj 14 jaroj ek'lernis Esperanton kaj deziras korespondi kun sam-aĝaj kolegoj tut-monde, ĉu persone aŭ kolektive. Skribu al d-ro Marco Picasso, via De Gasperi 7,20057 Vedano al Lambro (Milano) Italio. * Adriana Krolikowska, 13 j. kaj Dariusz Krolikowski, 15 j. pri ĉiuj temoj. precipe pri skoltoj, muziko, libroj; kolektas poŝt-markojn, bild-kartojn, prospektojn, afiŝojn de „rock"-kant'istoj. Adr. Dembrowskiego 7/27, 38-500 Janok, Pollando * Ljudmila Jordanova Gabrovska, lernantino, Veliko Tarnovo, Polski Trambeŝ, Georgi Petrov 8. Bulgario.

Memoru, Jozefo, diras la patro al sia filo, ke tiu homo, kiu ne sci-povas paroli tiel, ke la aliaj lin komprenu, estas mal-saĝ'ulo. Ĉu vi komprenis?

Ne, patro.

* * *

Patr'ino ordonas al sia fil'ino:

– Nun vi ne povas ludi, vi devas helpi al la patro skribi viajn hejmajn taskojn.

* * *

Populara itala aktoro kaj film-reĝisoro V. de Sica unu fojon diris: Mi bezonas la anglan lingvon por ke mi povu paroli kun film'istoj, la francan por povi paroli kun bel'egaj vir'-inoj kaj mian ge-patran lingvon, kiam mi vundas min ĉe la raz'ado[1]

1/ for'igi la harojn tuj ĉe la hauto (= kio kovras la korpon)

# AL NIAJ LEGANTOJ

La distribuejo de la Hungara Poŝto informis nin, ke ekde nun JA estos aĉetebla en Budapeŝto nur en la subaj – pli grandaj – gazetvendejoj. Do, Budapeŝtaj esperantistoj estas petataj serĉi nian revuon nur en la gazetvendejoj ĉe la subaj adresoj (ĉiuj en Budapeŝto):

| Adreso | Telefono |
|---|---|
| V. Váci út 10. | 185-604 |
| V. Szabadsajtó u. 6. | 184-840 |
| SUGÁR Üzletközpont Örs vezér tér | 843-160/69 |
| Magyar Jakobinusok tere Déli pu. | – |
| Szt. István krt 25. | 314-334 |
| I. Bem u. 9. | 352-346 |
| V. Felszabadulás tér 4. (Párizsi udvar) | 181-401 |
| József nádor tér 1. | 185-850 |
| CORVIN Áruház | 335-551 |
| Lenin krt. 17. | 423-929 |
| Hegedüs Gyula u. 43. | 491-505 |
| Baross u. 59. | 131-286 |
| SKÁLA Áruház | 852-222/28 |
| Petőfi Sándor u. 17. | 189-013 |
| Rákosfalva park 3/c (XV.) | 847-274 |
| Hírlapbolt (KHI) V. Bajcsy-Zs. u. 76. | 116-269 |

# Pola Radio pri ni

**„La Juna Amiko interesa ankaŭ por plen-aĝ'uloj"**

*En la rubriko por komenc'antoj de la Esperanto – el – sendoj el Varsovio oni de tempo al tempo parolas ankaŭ pri la Esperantaj temoj. La 7-an de aprilo redaktoro Andrzej Pettyn, kiu antaŭ tiam vizitis Budapeŝton, parolis pri la lasta numero de nia revuo. Temas ankoraŭ pri la aprila numero de 1984, kvankam inter-tempe jam aperis ankaŭ tiu de 1985 (en viaj manoj). Sed ni lasu paroli la riport'iston!*

Antaŭ mi trov'iĝas la plej nova, aprila numero de „Juna Amiko". Ĝi estas inter-nacia lern'eja Esperanto-revuo, kiun el-donas Hungara Esperanto-Asocio. La tekstoj estas facilaj, oni uzas en ili 700 bazajn radikojn, vortojn, kaj kelkajn aliajn oni klar'igas, prezentas per specialaj notoj, frazoj. Pro la facil'eco de la tekstoj kaj interesa en-havo „Juna Amiko" povas esti interesa ankaŭ por plen-aĝ'uloj, kiuj lernas Esperanton kaj volas ricevi interesan leg'aĵon.

En la numero oni trovas la unuan artikolon el la serio Komput'ado kaj Esperanto kun fotoj kaj bildoj, kiuj klar'igas kaj la komput'adon mem kaj diversajn fakajn, specialajn vortojn. Mi devas diri, ke mi legis ĉi tiun artikolon kune kun mia filo kaj ni ambaŭ lernis multajn interesajn aferojn pri dat'umoj, storoj, bitoj kaj tiel plu. Ni trovas tie ankaŭ bulgaran rakonton, francan kanton kun muziknotoj, rubrikon de la Klubo de legantoj, artikolon pri la dat-re-venoj de Marjorie Boulton kaj William Auld kun du originalaj vers'aĵoj. Se temas pri vers'aĵoj, trov'iĝas tie ankaŭ ĉarma vers'aĵo de la el-stara pola poeto Julian Tuwim „Mir'aĵoj kaj sorĉoj". Domaĝe, ke oni ne informis, ke Tuwim estis tre bona esperant'isto kaj ke li mem tradukis multajn vers'aĵojn en Esperanton. Tre interesa estas intervjuo, inter-parolo kun J.A.Sullivan, laŭreato de la pola Ordeno de Rid'eto, kiun polaj infanoj donas al siaj grandaj amikoj.

Krome en la numero trov'iĝas parto el la libro de A.Gajdar Timur kaj lia grupo (la libron el-donis Hungara Esperanto-Asocio), interes'aĵoj el ĉiuj mond-anguloj, la rubriko Ĉu vi scias, ke... (ekzemple, ke la plej ofta litero estas A, ĝi trov'iĝas en ĉiuj lingvoj, kiujn oni konas). Enigmo-rubriko, Per gajaj okuloj, Nia poŝto kaj Deziras korespondi – jen kelkaj aliaj partoj. Ne mankas humuraj desegn'aĵoj, bildoj. Kaj la tuto trov'iĝas sur 24 paĝoj. Oni devas gratuli, ke la nova redaktoro de „Juna Amiko" Oldřich Knichal publik'igis tiom da interesan materialo. Ni rekomendas la revuon al ĉiuj komenc'antoj kaj baldaŭ ni sendos al la redakcio kelkajn tekstojn de nia rubriko...

# humuro



Ĉu vi estas tute certa, ke tiu ĉi fiso estas baleno, kiu mal-dik'iĝis?

– Johano, Johano, de-nove vi venis malfrue en la lern'ejon!

– Sinjoro instru'isto, mia patr'ino ordonis al mi bone lavi la kolon, sed mi promesas al vi neniam plu tion fari.

* * *

Ge-patroj batas mal-grandan Ludovikon.

– Nur batu min! – li ek-krias subite, mi ankaŭ batos viajn nepojn[1]!

* * *

– Kiom-aĝa estas via frat'ino?

– Ŝi proksim'iĝas al la trideka jaro.

– Sed el kiu direkto?

1/ filo de filo



